# Aŭstraliaj  Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 02/11/2017 Tricent- kvardeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Freelang Vortaro * Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio * Google Translate * Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,070,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **235,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,300,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. N.



Se vi lernis aŭ lernas aŭ lernos Esperanton elnaskiĝe, vi ne bezonas scii la ĉi malpostajn klarigaĵojn pri la kategorioj. Via juna cerbo lernas tion automate, pro la daŭra uzado de la lingvo ĝis perfektiĝo.

Se vi lernas Esperanton kiel fremdan lingvon, kaj deziras perfektiĝi en ĝi, vi lernas multe pri la kategorioj sen studi la regulojn, sed vi perfektiĝos nur se vi krome studas la de mi donitajn klarigojn aŭ la klarigojn de aliaj spertaj Esperantistoj, aŭ el libroj kaj komputaj rimedoj.

Do por multaj el ni lerni la teorion estas nur intelekta okupiĝo, helpanta antaŭen puŝi mensan degeneron. Ĝi helpas nin ankaŭ juĝi kaj zorgi ke nia lingvo restu fidebla interrilatilo.

Pro la ĉisupro mi intencas plu verki pri pliaj, aliaj, gramatikaj problemoj por A.E. Sed neniu devigas vin lerni ion aŭ spertiĝi en io.

(Fino de la 18 priskriboj ante la gramatikajn kategoriojn)

*Marcel Leereveld*.



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*







# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 4a de Novembro estos la unua sabato. Venu al nia amikema kunveno.



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE.* *Roger S*



# infanrimaĵo






Antaŭ kelkaj monatoj mi petis jOmO-n laŭtlegi infanrimaĵon verkitan originale en Esperanto de Leen Deij. jOmO, ne nur laŭtlegis, sed kreis muzikon kaj kantis ĝin. Spektu https://www.youtube.com/watch?v=mfp40L5a1aI

Amike, *Nicole Else*



## BRIZBANA ESPERANTO SOCIETO

kunvenas la kvaran sabaton monate, 13:30h
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj





Supra foto montras BES membroj kiuj lastan semajnon planis venontan ZAMENHOFan FESTON en REDCLIFFE, 15an. Decembro.

Dekstra foto montras BES membron, Petro Danzer, ekscitatan. Li regardas la donacon- Esperanto-libroj kaj aliaj trezoroj -de mortinta Esperantisto, S-ro L. van Croonenborg el Inala en Brizbano. Ĉu vi memoras lin? Nia bibliotekisto estas tre dankema. Kun granda ĝojo nun BES ricevis karegan postlasaĵon.

*Petro Danzer*
*BES Sekretario*



# AEA informas.





**Aŭstralia Esperanto-Asocio** C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2017-10-28 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (2017-10-28 ĉeestis:

Esther, **Indrani**, Joanne, Sandor; Bradley el NZ,

Jonathan estas ankoraŭ en Kanado
Ni nun kunvenas sabate matene, por ke la indonezianoj povu ĉeesti, … sed bedaŭrinde neniu de ili partoprenis ĉi-foje.

### (1) DUA TRI-LANDA KONGRESO EN BEKASI (28/3 – 2/4/2018)

Ni daŭrigas la preparadon por la dua trilanda kongreso en marto 2018 en Bekasi.

* Bedaŭrinde, dum la kunveno ni eltrovis ke Humphrey Tonkin decidis NE partopreni.

Ni diskutis, ĉu aŭ kiel anstataŭigi lin…. Finfine ni decidis ke NE.

Ni ankaŭ decidis, uzi pliajn forajn prelegantojn, prezentantojn (ekz. pere de Skype)

* Heather pagis la antaŭpagon por la hotelo,…. Do ekde nun ni “devas” antaŭeniri.
* Konsideru serioze partopreni tiun eventon

### (2) SOMERKURSARO/KONGRESO Januaro - 2019

Ni jam decidis ke la venonta somerkursaro/kongreso okazu en Adelajdo.

Tamen, ni havas malfacilaĵojn trovi taŭgan ejon.

La tradiciaj kolegioj (Lincoln College, St. Ann’s College, Aquinus College) estas sufiĉe multekostaj…

La aliaj eblecoj ofte estas taŭgaj, sed ne havas sufiĉe da unulitaj ĉambroj.

Do, ĉu homoj povas elteni dormi kun alia(j) en la sama ĉambro?

Ni ĉiuj esploru la listojn, kiujn Indrani sendos al ĉiuj.

Venonta kunveno: sabaton, la 11/11/2017 je la 12:00 (Melburno), 11:30 (Adelajdo), 8:00 (Ĝakarto), 14:00 (Aŭklando)

### (3) MARCEL – 100

Ni memorigis ĉiujn kontribui al la granda naskiĝtagfesto de Marcel per kontribuo por ESK, persona ĉeesto en Melburno, ….

Esther, **Indrani**, Joanne, Jonathan, Sandor

# El Adelajdo





Kviza posttagmezo

Estis julio de 2010 kiam Trevor Steele la unuan fojon invitis esperantistojn al sia hejmo por kvizludi. La 28-an de oktobro 2017 estis jam la 8-a okazo, kiam ni penis ĝuste respondi la ne facilajn demandojn preparitajn de nia gastiganto. Ĉi foje la plej multajn poentojn akiris Finnur. Gratulon al li!

*Katja Steele*

Surfote: Hugo Lang donas demandon al Trevor Steele

- Finnur Larusson, Halle Larusson, Indrani Beharry-Lall kaj Michael Carney ripozas post la kvizumado

# Semajna raporto de Melburno



**LUDVESPERO**

Sabaton la 28an de Oktobro kvar homoj kunvenis ĉe Alchemists Refuge por ludi en Esperanto. Ni eltrovis ke la drinkejo lastatempe enkondukis enirkoston de $10, kio donas al oni rajton eniri kaj ricevi "senpagan" drinkaĵon. Ni babilis kaj ludis diversajn ludojn, inkluzive de *Friday the 13th*, *Spyfall*, kaj *Codenames: Pictures*.

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 29an de Oktobro kvar homoj (inkluzive de unu komencanto) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis, enkondukis Esperanton al la novulo kaj ludis *Diru ne Diru*. Estis bela tago kaj oni formetis la faldeblan vitran muron de la kafejo do ni sidis iom ene iom ekstere.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 30an de Oktobro sep homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni bonvenigis gaston de la Norda Teritorio, kaj amike kverelis pri kiel plej bone nomi aŭstralian futbalon.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉon 5an de Novembro je 15:00

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Lundon 6an de Novembro je 18:30

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane (en la ĉambro "Sue Healy" ĉar nia kutima ĉambro estos renovigata)

Sabaton 25an de Novembro je 19:00 **Kosto:** $10.00

Ludvespero, ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 953 Instagram – 109

Facebook – 348 Telegram – 18 Twitter – 328

*Joanne Johns*



# Iom pri vortkunmetado .



En Esperanto ni riĉe kreas novajn vortojn per la kunmetado de du (aŭ pli da) jam ekzistantaj vortoj, ekzemple el "tablo" kaj "tuko" ni kreas la novan vorton "tablotuko".

Estas komprenebla, ke ekzistas reguloj por fari tion. Tiuj reguloj estas AŬ naturaj reguloj, AŬ ĝenerallingvaj reguloj, AŬ specialaj reguloj de la Esperanta gramatiko, AŬ reguloj ĉar Esperanto apartenas al speciala grupo de lingvoj.

**Ekzemplo de natura regulo estas**, ke la nova nocio devas ekzisti en nia menso, ĉar ni ne povas fari vorton kia "muronklo"; kvankam ni havas en niaj mensoj la nociojn "muro" kaj "onklo", ni ne havas nocion kiu kombinas tiujn du bazajn signifojn. Oni povas fari centojn da miloj de tiaj neeblaj vortoj.

**Ekzemplo de ĝenerallingva regulo estas**, ke la vorto devas ne esti tro longa nek tro mallonga: tial ne eblas krei longegan kunmetaĵon por la malsano “aids” nek vorton el personaj pronomoj, kia la ”lifamilio” por la familio de li.

**Ekzemplo de Esperantgramatika regulo estas**, ke se la vorto estas substantivo, ĝi devas finiĝi per “-o”; ne eblas la substantivo “(la) boatantaŭ” por la boatantaŭo, la antaŭo de la boato.

**Ekzemplo de la speciala lingvogrupo** en kiu estas Esperanto, estas ke ni ne povas krei la vorton “paŝdedu” por “dupaŝo”, *pas de deux*.

Ĉi tiu speciala lingvogrupo por fari novajn vortojn nomiĝas la aglutinaj lingvoj. Ili estas krom Esperanto la ĝermanaj lingvoj, kiuj lastaj, kompreneble ĉar etnaj, permesas esceptojn al sia kunmetado. Jen la reguloj de tia vortkreado per kunmetado. **Unue** la du bazaj elementoj devas esti kunfanditaj en unu vorton, kvazaŭ en novan radikon, kaj la ĉefelemento devas, antaŭ la finaĵo, veni laste, do malantaŭ la flankelemento. En la vorto “tablotuko” la ĉefelemento estas “tuko”, ĉar la afero estas tuko, ne tablo. Ĉar la kunmetaĵo estas kvazaŭ nova radiko, oni ne povas meti inter la elementojn ion ajn, do ne streketon, nek kategorian finaĵon, nek afikson, nek pluralan aŭ akuzativan finaĵon. Zamenhof faris unu escepton: malfacile prononceblaj kunmetoj rajtas intermeti la sensignifan literon “o”, kiel en “postosciigo” por postsciigo, aŭ “panelolaboro” por panellaboro kiu lasta sonas kvazaŭ “panelaboro”. **Due** la ĉefelemento tenas sian normalan akcenton, kaj la antaŭa akcento de la flankelemento fariĝas duagrada akcento. **Trie** la flankelemento havas la signifon de prepozitivo (aŭ kelkfoje adverbo aŭ predikativo), kaj kie necesa la prepozicio povas enteniĝi en la nova kunmetaĵo: “subteromino”. Sen la mencio de la prepozicio la signifo de ĉi lasta restas en la signifo de la nova kunmetaĵo. Kaj **kvare** aldoniĝas al la signifo de la kunmetaĵo la signifo de specialeco. Do “tablotuko” ne estas ĉia tuko, sed speciala, speciale uzata aŭ fabrikita por uzi sur tabloj. Sen tiu signifero de specialeco la nova vorto ne havas ekzistorajton, kvankam ĉe kelkaj afiksoj ne estas facile malkovri ĝin.

Esperanto estas la plej aglutina lingvo el ĉiuj, ne nur ĉar ĝi strikte obeas la regulojn, escepte de kelkaj Zamenhof’aj esceptoj, sed precipe ĉar ĝi, pro Zamenhof, uzas pli da specoj de aglutina vortkunmetado ol la etnaj lingvoj. El ĉi lastaj la angla estas la malplej konsekvenca ĉar ĝi “inventadis” plurajn iomete ne komplete aglutinajn variaĵojn. Tio faras tiun lingvon eĉ pli ĥaosa ol ĝi jam estas, por neangloj. La precipa speco de vortfarado, en la etnaj lingvoj preskaŭ la nura, estas la kunmeto de du substantivoj, aŭ de substantivo (el prepozitivo) kun kia ajn ĉefelemento, kiel en “la bestoĝardeno, pafilmortigi, infantaŭga, kaj kuglorapide”. Kelkaj aliaj, speciale Esperantaj, specoj de kunmetado estas: **unue** adjektivoj kaj adverboj, nure, el substantivo kun sia adjektivo aŭ de verbo kun sia adverbo aŭ gramatika objekto, kiel en “frumatena” kaj “rapidkure” kaj “monhava”. **Due** verboj kaj adjektivoj kaj adverboj el prepozitivoj, kie oni kutime metas la ĉefelementon, la prepozicion, en la komencon, pro klareco, kiel en “surmonta; senmoni, transmare”. **Trie** verbo kun prepozitiva prepozicio, kiel “Enloĝi dometon” el loĝi en dometo. **Kvare** numeralo malpli granda ol la sekvanta, ĉefelementa, numeralo, kiel “centmil kaj kvardek” el cent miloj kaj el kvar dekoj. Kaj **kvine** la pseŭdoprefiksoj kaj la pseŭdosufiksoj, kiel “ekiri” kaj “manĝilo”.

Sed ĉe kunmetado ekzistas la problemo, ke la homoj kelkfoje, pro nekonscio, forgesas pri la reguloj. Unu grava forgeso estas, ke la determinanto havu prepozitivan funkcion, ekz. "por tabloj". Ankaŭ la etnaj lingvoj faras kelkfoje tiajn erarojn. Temas precipe pri la jenaj tri kunmetaĵoj, kiuj ne permesatas ĉar mankas la obeo al la menciita regulo. La **unua** tia neeblaĵo estas la kunmeto de verbo kun sia rekta objekto. Manĝi fiŝojn ne povas fariĝi "fiŝmanĝi", ĉar "fiŝojn" ne funkcias kiel prepozitivo. Same pri verbo kun sia adverbo, kaj do ne eblas "Mi rapidkuris". Nek pri substantivo kun sia adjektivo, kiel la "ruĝrozo", nepermesata ĉar mankas la nocio de specialeco. Por ne ruinigi Esperanton la famaj verkistoj de la "Plena Analiza Gramatiko", Waringhien kaj Kalocsay, forte avertis la Esperantistojn kontraŭ la supre menciitaj falsaj kunmetaĵoj. Vi trovos tion ekzemple en $ 423 sur paĝoj 510 kaj 511 kaj speciale 512, ekz. "Se oni allasus ankaŭ alian vortefikon, adJektivigan, ĉio estus en danĝero, la tuta konstruaĵo ekŝanceliĝus, ĉio fariĝus malcerta kaj malfirma". Ni do ne faru tiajn kunmetojn, nek uzu tiujn faritajn de aliuloj, kaj nur uzu, se vi nenecese volas, tiujn kelkajn kreitajn de Zamenhof, kiaj dikfingro kaj altlernejo (= universitato) kaj fremdlando.

*Marcel Leereveld.*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)



## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 4.

### Mi iras Anglujen (unua ero)

Mi havis iom da mono, ĉar la registaro donis al ni ĉiusemajne nur parton de tio, kion ni rajtis havi, kaj tute ne tiom, kiom ni meritis. Je la fino de mia laboro, oni donis al mi multe pli da mono, kaj mi decidis iri Irlanden por vidi ties belegaĵojn.

Bryan, la buskonduktoro, foriris jam unu tagon antaŭ mi, li volis viziti kelkajn esperantistojn en Germanujo, kaj mi volis viziti Rolfon kaj ties edzinon en Hanovro. Mi do restis unu nokton en ilia loĝejo, kaj kompreneble maltrafis la matenan vagonaron al Nederlando.

Mia intenco estis iri vagonare al Hoek van Holland, kie mi devis renkonti Bryan, la buskonduktoro.

Enirinte la vagonaron en Hanovro, mi i.a. renkontis kelkajn skandinavojn, kiuj survojis al Nederlando. Inter ili estis ankaŭ iu neskandinavo, sed tamen homo, eĉ homo bonega, iu nederlandano, kiu laboris en Svedujo, sed nun volis iomete ferii en sia hejmlando. Li ludis akordionon kaj distris nin ĉiujn. Li kantis tre belajn svedajn kantojn, kaj tio estas ja io, kion ne ĉiuj povas fari, eĉ ne ĉiuj svedoj !

*Daŭrigota* *Bob Felby*





**3ZZZ** Se vi volas scii kio estas la efiko de alkoholo rilate la lernadon de lingvoj aŭ kiom kapablaj estas afrikaj junuloj aŭ se same kiel Matt vi ŝatas la blagan blogon de Victorio Sole, aŭskultu la elsendon de la 30a de oktobro 2017 informas la kunvokanto *Franciska Toubale*

